ke, en Loveno ankaŭ, estis kreata virina Esperantista grupo. Jen kiamaniere tio okazis: ĉirkaŭe je l' finiĝo de l' kurso por sinjorinoj kaj fraŭlinoj, farita de S$^{ro}$ Mathys, la lernantinoj decidis organizi malgrandan dankan elmontradon por la sindonema profesoro kaj, por tiu celo, kreis komitaton. Ĉi-tiu komitato uzis tiun favoran okazon kaj dissendis cirkuleron proponantan grupiĝon de la lernantinoj de l' kurso kiel sekcion de l'Esperantista Lovena Grupo. Multe da aliĝoj alvenis kaj baldaŭ estis fondata tiu nova grupo. Ni varmege kaj el nia tuta koro gratulas tiujn fervorajn Esperantistinojn kaj deziras al ili la plej grandan sukceson. La Esperantistaro kun ĝojo alsalutos la kuraĝajn kunlaborantinojn kies sindono certe produktos belegajn fruktojn. Pligrandiĝu kaj tre prosperu la nova Lovena virina grupo!

La 26$^{an}$ de Aŭgusto, okazis la dirita elmontrado. La plej juna lernantino esprimis al la profesoro la dankemon de siaj kunulinoj « pro lia sindono en la instruado kaj disvastigo de la bela lingvo internacia ». Je ilia nomo, ŝi donacis al li multekostan bronzan statueton. S$^{ro}$ Mathys, parolante en Esperanto, dankis kaj laŭdis la fervoron kaj la diligentecon de siaj lernantinoj.

La Esperantista Lovena Grupo eldonis belegan ilustritan poŝtkarton, desegnitan de S$^{ro}$ Mathys. Maldekstre oni vidas, ĉirkaŭitan de laŭrfolia krono, akuratan portreton de la glora elpensinto de Esperanto, nia kara majstro D$^{ro}$ L. Zamenhof; anĝelo, lumigita de la Esperanta stelo, tenas glorkronon super lia kapo. En dekstre-malsupera angulo estas tera sfero; rubando portanta la vorton « Esperanto » kovras tiun globon, formas, interplektita kun laŭraj branĉoj, dekstre kaj supere la kadron de la poŝtkarto, kaj prezentas en flandra, franca, angla kaj germana lingvoj tiun ĉi surskribaĵon: Lernu Esperanton. La karto estas presita verdkolore kaj la portreto malhelblukolore. La 12$^{o}$ kostas 0,75 fr., la 50$^{o}$: 3 fr., kaj la 100$^{o}$: 5 fr.

**La Gazetaro.** Aperis la dua kaj tria numeroj de la Flandra ilustrita gazeto: « De Lusthof », eldonita de nia presisto: S$^{ro}$ Witteryck. Kiel ni jam diris, S$^{ro}$ Witteryck faras en tiu gazeto plenan kurson de Esperanto, tre bone aranĝitan. Li ankaŭ konigas ĉiumonate la ĉefajn novaĵojn pri la irado de Esperanto. Ni esperu ke tiuj klopodoj ne estos senfruktaj kaj ke ili pli kaj pli disvastigos en Flandrujo nian karan lingvon.

S$^{ro}$ Witteryck ankaŭ verkis kaj eldonis, antaŭ kelkaj semajnoj, flandran propagandan broŝuron: « Het Esperanto »; lerte skribita laŭ la franca broŝuro de Kom$^{to}$ Lemaire, tiu nova libro certe multe helpos al

---

et demoiselles par M. Mathys, les élèves décidèrent d'organiser une petite manifestation pour remercier leur dévoué professeur et, dans ce but, élurent un Comité. Ce Comité mit à profit cette occasion favorable et envoya une circulaire proposant aux élèves du cours de se grouper en section du Groupe Espérantiste de Louvain. Les adhésions arrivèrent en grand nombre et bientôt fut créé le nouveau groupe. Nous félicitons très vivement et de tout cœur ces ferventes Espérantistes et nous leur souhaitons le plus vif succès. Le monde Espérantiste saluera avec joie ces courageuses collaboratrices dont le dévouement produira certainement des fruits très précieux. Puisse s'accroître et prospérer à l'envi le nouveau groupe de dames de Louvain!

Le 26 août se produisit la manifestation annoncée. La plus jeune élève exprima au professeur la reconnaissance de ses compagnes « pour le dévouement qu'il avait mis à les instruire et à propager la belle langue internationale ». En leur nom, elle lui fit présent d'une statuette de bronze de grande valeur. M. Mathys, en Esperanto, les remercia et loua vivement le zèle et l'assiduité de ses élèves.

Le groupe Espérantiste de Louvain a édité une magnifique carte postale, dessinée par M. Mathys. A gauche, on voit, entouré d'une couronne de feuilles de laurier, un portrait très soigné de l'illustre auteur de l'Esperanto, notre cher maître, le D$^{r}$ Zamenhof; au-dessus de sa tête, une couronne de gloire est soutenue par un ange, qu'illumine l'étoile espérantiste. Dans le coin inférieur de droite se trouve une sphère terrestre. Un ruban, portant le mot « Esperanto », couvre ce globe; il se prolonge à droite et au-dessus de la carte en s'entrelaçant avec des branches de laurier et porte là en flamand, en français, en anglais et en allemand, l'inscription: Apprenez l'Esperanto. La carte est imprimée en vert et le portrait en bleu sombre. La 12$^{ne}$ coûte 0,75 fr., la 50$^{ne}$ 3 frs., la 100$^{ne}$ 5 frs.

**La Presse.** — Nous avons reçu les second et troisième numéros du journal illustré flamand: « De Lusthof » publié par notre imprimeur, M. Witteryck. Comme nous l'avons déjà annoncé, M. Witteryck donne dans ce journal un véritable cours d'Esperanto, très bien ordonné. Il annonce aussi mensuellement les nouvelles importantes concernant la marche de l'Esperanto. Espérons que ces efforts ne seront pas inutiles et qu'ils propageront de plus en plus notre chère langue en Flandre.

M. Witteryck a aussi rédigé et publié, il y a quelques semaines, une brochure flamande de propagande: « Het Esperanto »; bien composée d'après la brochure française du Comm$^{t}$ Lemaire, cette nouvelle brochure nous aidera certainement

*einde van den leergang, gegeven door M. Mathys, aan de damen en jufvrouwen, besloten de leerlingen eene kleine betooging in te richten om hunnen verkleefden leeraar te bedanken en, tot dit doel, kozen zij een komiteit. Dit komiteit nam deze gunstige gelegenheid te baat en zond een strooibriefje rond, voorstellende aan de leerlingen zich in afdeeling bij den Esperantischen groep van Leuven aan te sluiten. De bijtredingen kwamen in groot getal toe en welhaast werd de nieuwe kring gevormd. Wij wenschen deze vurige Esperantisten levendig en van herte geluk en wenschen hun den grootsten bijval. De Esperantische wereld zal met vreugde deze moedige medewerksters begroeten, wier verkleefdheid voorzeker prachtige vruchten zal voortbrengen. Moge de nieuwe damengroep van Leuven, tot benijdens toe, groeien en bloeien!*

*Den 26$^{n}$ Oogst had de gemelde betooging plaats. De jongste leerlinge drukte den leeraar de dankbaarheid harer gezellinnen uit « voor de verkleefdheid waarmede hij hun onderwezen had en de schoone wederlandsche taal verspreidt. » In hunnen naam, gaf zij hem een bronzen beeld van groote waarde ten geschenke. M. Mathys bedankte in Esperanto en loofde vuriglijk den iever en den moed zijner leerlingen.*

*De Esperantische groep van Leuven heeft eene prachtige postkaart uitgegeven, geteekend door M. Mathys. Links ziet men, omringd van eene kroon van lauwerbladeren, een zeer verzorgd portret van den roemrijken schepper van het Esperanto, onzen beminden meester, D$^{r}$ Zamenhof; boven zijn hoofd is eene gloriekroon gehouden door eenen engel, door de Esperantische ster beschenen. In den rechteren benedenhoek bevindt zich een wereldbol. Een lint, met het woord « Esperanto » erop, bedekt dezen bol, het verlengt zich rechts en boven de kaart, zich vereenigende met lauwertakken en draagt daar in het Vlaamsch, Fransch, Engelsch en Duitsch het opschrift: « Leert het Esperanto ».*

*De kaart is in het groen gedrukt en het portret in donker blauw. Het twaalftal kost 0,75 fr., het 50tal 3 fr., het honderd, 5 fr.*

**De Drukpers.** — *Wij hebben de tweede en derde nummers ontvangen van het geïllustreerd Vlaamsch blad « De Lusthof » uitgegeven door onzen drukker, M. Witteryck. Gelijk wij het reeds aangekondigd hebben, geeft M. Witteryck in dit blad een echte leergang van Esperanto, zeer wel opgevoerd. Hij meldt ook maandelijks de belangrijke nieuwsjes, aangaande den gang van het Esperanto.*

*Hopen wij dat deze pogingen niet nutteloos zullen zijn en dat zij meer en meer onze lieve taal in Vlaanderen zullen verspreiden.*

*M. Witteryck heeft ook over eenige weken eene Vlaamsche propagandabrochunr geschreven en uitgegeven: « Het Esperanto », wel opgesteld naar de Fransche brochuur van den bevelhebber Lemaire, zal deze nieuwe brochuur ons voorzeker veel helpen in*

nia propagando. Ĝin do ni tre rekomendas al niaj flandraj propagandantoj: ĝi estos por ili plej taŭga batalilo. (Prezo: 0,15 fr., ĉe S$^{ro}$ Witteryck).

En Antverpeno, kontraŭulo de la lingvo internacia, pri kiu ni nenion plu aŭdis de la tago kiam, antaŭ 2 1/2 jaroj, li ricevis de Komt$^{to}$ Lemaire respondon tiel elokventan kiel mallongan, ree plenigas ian jurnalon per siaj senvaloraj frazoj; ni nur diru ke niaj amikoj de l' ĵurnaloj « La Métropole » kaj « Le Matin » sendas al li energiajn rebatojn, kiuj pli multe valoras ol lia senargumenta prozo.

La 16$^{an}$ de Aŭgusto, du Bruselaj gazetoj: « Le XX$^{e}$ siècle » kaj « Le Patriote » publikigis bonan artikolon por Esperanto, verkitan de Esperantista Lovena studento, S$^{ro}$ R. de Pierpont; la 30$^{an}$ de Aŭg., « Le Patriote » responde presis tre seriozan artikolon kontraŭ la lingvo internacia. Sendube ni legos baldaŭ la necesan rebaton.

S$^{ro}$ Mathys, el Loveno, presigis en la ĵurnalo: « Klim op » lertan artikolon, en kiu li kontraŭbatalis la opinion ke ne estas eble kune bataladi por la Esperanta kaj flandra lingvoj: li, kontraŭe, pruvis ke la enkonduko de lingvo internacia estus tre grava bonaĵo por la flandra lingvo.

Maurice SEYNAEVE.

## La Antverpena Esperanta ekspozicio.

En la fundo de la granda salono de l' Muzeo, Venus'a strato, kie estas enspacigita, de la 8$^{a}$ tago de tiu ĉi monato, la Ekspozicio de fotografaĵoj, granda vitra meblo, super kiu elstaras blazono forte kolorigita, allogas la ĉiujn rigardojn.

Tio estas la Esperanta ekspozicio organizita de la Antverpena Grupo Esperantista.

Estas en tiu loko ke niaj Antverpenaj amikoj, kies Grupo ekzistas de malpli ol unu jaro, estas amase kolektitaj dokumentojn por pruvi al la vizitantoj ke Esperanto ne estas timema provo, sed lingvo tutplena, kiu jam faris siajn pruvojn.

En vitra meblo longa je 10 metroj kuŝas la diversaj produktaĵoj de l' pioniroj de la internacia lingvo. Maldekstre, diversaj muzikaj verkoj, meze, la libroj de la multevaloraj verkoj kiuj eliris dum la unuaj tagoj de kontraŭbatalo, portantaj datojn jam malnovajn kaj kiuj estas neeble trovi ankoraŭ nun, ĝis la

beaucoup dans notre propagande. Aussi la recommandons-nous à nos propagateurs flamands: elle sera pour eux une bonne arme de combat. (Prix 0,15 fr. chez M. Witteryck).

A Anvers, un adversaire de la langue internationale, dont nous n'avions plus entendu causer depuis le jour où, il y a 2 1/2 ans, il reçut du Comm$^{t}$ Lemaire une réponse aussi éloquente que brève, remplit à nouveau certain journal de ses phrases creuses; disons seulement que nos amis des journaux « La Métropole » et « Le Matin » lui envoient des ripostes énergiques, qui valent mieux que sa prose vide d'arguments.

Le 16 août, deux journaux de Bruxelles: « Le XX$^{e}$ Siècle » et « Le Patriote » ont publié un bon article pour l'Esperanto, signé d'un étudiant Espérantiste de Louvain, M. R. de Pierpont; le 30 août, « Le Patriote » publiait, en réponse, un article très sérieux contre l'Esperanto. Une riposte serrée ne se fera sans doute pas longtemps attendre.

M. Mathys, de Louvain, a publié dans le journal: « Klim op » un excellent article, dans lequel il combat l'opinion qu'il n'est pas possible de défendre à la fois la cause Espérantiste et la cause flamande: il prouve, au contraire, que l'adoption d'une langue internationale serait, pour la cause de la langue flamande, d'une grande importance.

Maurice SEYNAEVE.

### L'Exposition Espérantiste d'Anvers.

Dans le fond de la grande salle du Musée, rue de Vénus, où est installée depuis le 8 de ce mois l'Exposition de photographies, une grande vitrine surmontée d'un écusson aux couleurs voyantes, attire tous les regards.

C'est l'Exposition d'Esperanto organisée par le « Antverpena Grupo Esperantista ».

C'est en cet endroit que nos amis d'Anvers, dont le groupe compte moins d'une année d'existence, ont amoncelé les documents afin de prouver aux visiteurs que l'Esperanto n'est pas un timide essai, mais bien une langue complète qui a fait ses preuves.

Dans une vitrine de 10 mètres de long sont étalées les diverses productions des pionniers de la langue internationale. A gauche, divers morceaux de musique, au centre, les livres, depuis les précieux ouvrages qui ont paru au début de la lutte, portant des dates déjà anciennes et qu'il est devenu aujourd'hui impossible de se procurer, jusqu'aux ouvrages récents de la « *Kolekto aprobita* », grammaires et dictionnaires à l'usage

*ons verspreidingswerk. Ook bevelen wij ze onze Vlaamsche verspreiders aan: zij zal voor hen een goed strijdwapen zijn. (Prijs 0,15 fr. bij M. Witteryck).*

*Te Antwerpen is er een tegenstaander van de wederlandsche taal, waarvan wij niet meer hoorden spreken, sedert den dag dat, over 2 jaar en half, hij van bevelhebber Lemaire een zoo welsprekend als kort antwoord kreeg, die wederom een zeker dagblad met zijnen stijl vervult; zeggen wij alleenlijk dat onze vrienden, de bladen « La Métropole » en « Le Matin » hem gepeperde antwoorden zenden, die meer weerd zijn dan zijne bewijzenlooze proza.*

*Den 16$^{en}$ Oogst hebben twee dagbladen van Brussel « Le XX$^{e}$ Siècle » en « Le Patriote » een goed artikel voor het Esperanto gegeven, geteekend door eenen Esperantischen student van Leuven M. R. de Pierpont; den 30$^{en}$ Oogst gaf « Le Patriote » als antwoord, een zeer ernstig artikel tegen het Esperanto uit. Eene flinke tegenspraak zal zich zonder twijfel niet lang laten wachten.*

*M. Mathys, van Leuven, heeft in het blad « Klim op » een uitmuntend artikel gegeven, waarin hij de meening bestrijdt, dat het niet mogelijk is de Esperantische zaak en de Vlaamsche zaak terzelfder tijd te verdedigen: hij bewijst, integendeel, dat het aannemen eener wederlandsche taal, voor de kwestie der Vlaamsche taal van groot belang zou wezen.*

### Esperantische Tentoonstelling van Antwerpen.

*Ten einden de groote zaal van het Museum der Venusstraat, waar sedert 8$^{n}$ dezer maand de Tentoonstelling van lichtbeelddruk ingericht is, trekt eene groote ruit, bekroond door een schild met schitterende kleuren, alle blikken aan.*

*Het is de Esperantische Tentoonstelling ingericht door de* « Antverpena Grupo Esperantista ».

*Het is daar dat onze vrienden van Antwerpen, wier groep min dan één jaar bestaan telt, de stukken opgehoopt hebben ten einde aan de bezoekers te bewijzen dat het Esperanto geene vreesachtige proefneming is, maar wel eene volledige taal die hare bewijzen geleverd heeft.*

*In een glazen meubel van 10 meters lengte zijn de verscheidene voortbrengsels van de baanbrekers der wederlandsche taal ten toon gesteld. Links, verscheidene muziekstukken; te midden, de boeken, van af de kostbare werken die verschenen in den aanvang van den strijd, die reeds oude datums dragen, en welke het heden onmogelijk geworden is zich aan te schaffen, tot aan de nieuwere werken der « Kolekto aprobita », spraakkunsten en woordenboeken*

lastaj verkoj de l' « *Kolekto aprobita* » lernolibroj kaj vortaroj por ĉiuj popoloj; ĉiuj tiuj libroj, metode aranĝitaj, montras al la mirigitaj okuloj de l' vizitantoj la rezultaton de tiom da jaroj de laboro, kaj la vorto « Esperanto » ripetita pli ol cent fojoj en la titoloj miregas la plimulton, kiu aŭdis nur tre konfuze paroli pri nia internacia lingvo, aŭ eĉ nesciis tute ĝian ekzistadon. Fine, je la dekstra flanko, la ĵurnaloj nombre kolektitaj atestas la grandan apogon kiun, en tiuj lastaj jaroj, ni ricevis de niaj gazetistaj amikoj. Tie ĉi kaj tie, poŝtkartoj kaj leteroj aranĝitaj je ventumiloj aperigas gajajn notojn sur tiu tuto. Vertikala kadro kiu staras laŭlonge la vitra meblo kaj enhavas ankoraŭ pli ol 600 poŝtkartojn, memorigas la feliĉan aranĝon jam elektitan la pasintan jaron en la Geografia Ekspozicio kaj ekscitas la admiron de ĉiuj kaj precipe de l'kolektistoj.

Supre tiu tuto, la nova blazono de la Antverpena Grupo Esperantista, mirinda laboro sur « marmorito » kiun oni ŝuldas al la talento de S° Goossens, brilas en sia kverka kadro, ĉirkaŭita de Belgaj standardoj; dekstre, oni vidas grandan portreton de l' Majstro, D° L. Zamenhof, maldekstre, la propagandan afiŝon eldonitan en majo lasta de la Esperantista Lovena Grupo.

La maldekstra flanko estas okupata de grandega geografia karto de Eŭropo, afable pruntita de niaj amikoj de l' Grupo Pariza. Ĝi montras per malgrandaj verdaj paperrondoj portantaj oran stelon, la diversajn lokojn kie ekzistas la Esperantistaj Grupoj.

Fine, sur la dekstra flanko estas du kadroj. La unua enhavas karton de Belglando montrantan per ruĝa streko la lokojn en kiuj loĝas esperantistoj; tiu karto estas ĉirkaŭita de propagandaj kovertoj kaj poŝtkartoj de ĉiuj modeloj; oni rimarkas ankoraŭ fotografaĵo-memoraĵon de l' trairo en Bruselo de l' Rusa inĝeniero Nikolaj Kazi-Girej. La dua kadro enhavas komercajn cirkulerojn, invitojn de l' diversaj grupoj, nomarojn de adresoj, k. t. p.

Juna esperantistino, tutblanke vestita, honorigas tiun lokon. Kun ĉarma rideto sur la lipoj, Fraŭlino Jozefino De Belder akceptas la vizitantojn kaj montras detale al ili la vidindaĵojn. Estas dank' al ŝiaj klarigoj donitaj de klara voĉo ke multnombraj skeptikuloj konvinkiĝis kaj ke l' kajerego, kuŝita intence por la vizitantoj, kovriĝis per subskriboj kaj petoj de enskribo.

Per la ekspozicio kiu fermiĝas hodiaŭ, niaj Antverpenaj amikoj intencis pruvi, unu fojon plu, la utilecon de la helpanta lingvo internacia Esperanto kaj ili vidis siajn penojn kronigitajn de l' sukceso.

---

de tous les peuples; tous ces livres, méthodiquement rangés, montrent aux yeux étonnés des visiteurs le résultat de tant d'années de travaux, et le mot Esperanto répété des centaines de fois dans les titres, abasourdit la plupart, qui n'avaient entendu parler de notre langue internationale que d'une façon très vague ou même en ignoraient complètement l'existence. A droite enfin, les journaux amoncelés témoignent du grand appui que nos amis de la presse nous ont donné dans ces quelques dernières années. Çà et là, des cartes postales et des lettres arrangées en éventails jettent leur note gaie sur cet ensemble. Un châssis vertical courant tout le long de la vitrine et renfermant encore plus de 600 cartes postales, rappelle l'heureuse disposition adoptée l'an dernier lors de l'Exposition de Géographie et excite l'admiration de tous et en particulier des collectionneurs.

Surmontant le tout, le nouvel écusson de l' « Antverpena Grupo Esperantista », merveilleux travail sur marmorite dû au talent de Mr Goossens, resplendit dans son cadre de chêne, entouré de drapeaux aux couleurs belges; à droite, un grand portrait du maître, le Dr L. Zamenhof: à gauche, l'affiche de propagande éditée au mois de mai dernier par le « Esperantista Lovena Grupo ».

Le flanc gauche est occupé par une immense carte d'Europe, gracieusement prêtée par nos amis du groupe de Paris. Elle indique au moyen de petites rondelles vertes portant une étoile d'or, les endroits où sont installés les groupes espérantistes.

Sur le flanc droit enfin, deux cadres. Le premier renferme une carte de la Belgique renseignant au moyen d'un trait rouge les localités habitées par des espérantistes; cette carte est entourée d'enveloppes et de cartes postales de propagande de tous les modèles; on y remarque également une photographie-souvenir du passage à Bruxelles de l'ingénieur russe Nicolas Kazi-Girej. Le second cadre renferme les circulaires commerciales, des invitations des divers groupes, des listes d'adresses, etc.

Une jeune espérantiste, toute de blanc vêtue, fait les honneurs du compartiment. C'est le sourire aux lèvres que Mlle Joséphine De Belder accueille les visiteurs et leur montre en détail toutes les curiosités. C'est grâce à ses explications, données d'une voix fraîche, que nombre de sceptiques se sont laissé convaincre et que le registre déposé à l'intention des visiteurs a été couvert de signatures et de demandes d'inscription.

Par l'exposition qui se clôture aujourd'hui, nos amis d'Anvers ont voulu prouver une fois de plus l'utilité de la langue

*ten gebruike van al de volkeren; al deze boeken, regelmatig gerangschikt, toonen aan de verbaasde oogen der bezoekers de uitkomst van zooveel jaren werkens, en het woord Esperanto, honderden keeren in de opschriften herhaald, verstomt het meeste deel, die slechts van onze wederlandsche taal op eene zeer vlakke manier hadden hooren spreken, of die zelfs gansch onbewust waren van haar bestaan.*

*Rechts eindelijk, betoonen de opeengestapelde dagbladen welken grooten steun onze vrienden van de drukpers ons gegeven hebben in deze eenige laatste jaren.*

*Hier en daar werpen in waaier geschikte postkaarten en brieven hunnen blijden toon over het geheel. Een rechtstaande raam, loopende langs de geheele lengte van het vensterwerk en behelzende nog meer dan 600 postkaarten, herinnert de welgelukte schikking, verleden jaar gedurende de tentoonstelling van aardrijkskunde aangenomen, en verwekt de bewondering van allen en bijzonderlijk van de verzamelaars.*

*Alles bovenheerschende, schittert in zijn eiken raam het nieuwe schild van de « Antverpena Grupo Esperantista », prachtig werk op marmorite, verschuldigd aan den kunstsmaak van M. Goossens, en omringd van vaandels met de Belgische kleuren; rechts, een groot portret van den meester Dr L. Zamenhof: links het plakschrift, uitgegeven in de maand Mei laatst, door de « Esperantista Lovena Grupo ».*

*De linkerzijde is bezet met eene overgroote kaart van Europa, ons welwillend geleend door onze vrienden van de Parijssche Groep. Zij wijst bij middel van kleine groene ronde punten met eene gouden ster op, de plaatsen waar Esperantische kringen ingericht zijn.*

*Op de rechtere zijde, eindelijk, twee ramen. Het eerste behelzende eene kaart van België, aantoonende bij middel van eene roode lijn, de plaatsen door Esperantisten bewoond; deze kaart is omringd van alle slach van propaganda-omslagen en postkaarten; men bemerkt er tevens een herinneringslichtbeeld van den Russischen ingenieur Kazi-Girej. Het tweede raam bevat de handelsomzendbrieven, uitnoodigingen van verscheidene kringen, adreslijsten, enz.*

*Eene jonge Esperantiste, gansch in 't wit gekleed, maakt de eerbewijzingen van de zaal. 't Is met den glimlach op de lippen dat Jufvr. Josephine De Belder de bezoekers ontvangt en hen tot het minste alle bijzonderheden toont. 't Is dank aan hare uitleggingen, met eene frissche stem gegeven, dat tal van twijfelaars zich laten overtuigen hebben en dat het inschrijvingsboek, ten gebruike der bezoekers gelegd, met naamteekens en inschrijvings-aanvragen bedekt is geweest.*

*Door de tentoonstelling, die vandaag sluit, hebben onze vrienden van Antwerpen eens te meer het nut van de wederlandsche hulp-*

Ni memorigas, por fini, ke ili organizas, por la proksima oktobra monato, unu kurson Francan kaj unu Flandran por sinjoroj, unu kurson por sinjorinoj kaj fraŭlinoj kaj unu kurson de perfektiĝo. Afiŝoj metotaj en la urbo anoncos proksime la tagojn kaj horojn de tiuj kursoj kaj ankaŭ la kunvenejojn difinitajn.

Ni petas niajn legantojn ke ili vidu tiujn afiŝojn kaj ni gratulas varme la sindonajn organizantojn de la Antverpena ekspozicio, dezirante por ili grandan sukceson dum la nova periodo de propagando kiun ili baldaŭ komencos.

Antverpeno, la 23an de Aŭgusto 1903.
LEO.

## Plensukcesa Esperantista Festo en Loveno.

Jaŭdon, la 27an de Aŭgusto, la E. L. G. festis per granda koncerto en sia sidejo, la bierejo « Moniko », la finiĝon de la esperantaj kursoj donitaj en Loveno. Nombra publiko plenigis la bele ornamitan ĉambregon. La tutaj gelernantoj, gefraŭloj de la plej honorindaj familioj el la urbo ĉeestis kun siaj gepatroj kaj parencoj. La programo prezentis flandrajn kaj francajn romancojn, monologojn kaj ridindajn kantojn, flanke muzikpecojn por violono, mandolono, kaj fortepiano, kiuj estis plenumitaj de la plej ŝatataj artistoj el Loveno.




Je la komenco de la festo So Rasquin kantis l' « Espero », kiun la apudestantoj aŭskultis tre atente. La prezidanto. So van Dieren, rakontis la estinton de la Lovena Grupo, gratulis la fondintojn de la klubo kaj prezentis al la ĉeestantoj la parolonton Son L. Blanjean kaj lian samideanon Son Jamin, kiuj duope venis el Bruselo por la festo de tiu vespero.

Poste So Blanjean faris tre interesan paroladon. La sindona parolinto faris historion de la irado de Esperanto tra la mondo. Li diris kiom kaj kiel la lingvo estas jam disvastigata. Li ankaŭ pruvis ĝian facilecon kaj ĝian utilecon, kaj legis diversajn esperantajn leterojn kaj poŝtkartojn. Entuziasman aplaŭdadon oni faris kiam post la parolado, So Advokato van Dieren, prezidanto de la grupo, dankis kaj gratulis la parolinton. Post la foriro de niaj Bruselaj samideanoj, So Naekaerts je la nomo de siaj kolegoj de la komitato, donacante garbojn al Soj Eug. Mathys kaj P. Blaise, laŭdadis flandre, france kaj esperante tiujn profesorojn pri la multnombraj servoj kiujn ili

auxiliaire internationale Esperanto, et ils ont vu leurs efforts couronnés de succès.

Rappelons pour terminer qu'ils organisent pour le mois d'octobre prochain un cours en langue française et un en langue flamande pour messieurs, un cours pour les dames et un cours de perfectionnement. Des affiches placées dans toute la ville annonceront prochainement les jours et heures auxquels ces cours seront donnés ainsi que les locaux qui y seront affectés. Nous y renvoyons nos lecteurs et félicitons chaleureusement les dévoués organisateurs de l'Exposition anversoise en leur souhaitant grand succès pendant la nouvelle période de propagande qu'ils vont commencer bientôt.

Anvers, le 23 août 1903.
LEO.

### Belle Fête Espérantiste à Louvain.

Le jeudi 27 août, le E. L. G. fêtait par un grand concert, en son local, taverne « Monico », la clôture des cours d'Esperanto donnés à Louvain. Un nombreux public remplissait la salle très bien décorée. Tous les élèves, jeunes gens et jeunes filles des familles les plus honorables de la ville étaient présents accompagnés de leur famille. Le programme comprenait des romances en flamand et en français, des monologues et chansonnettes, à côté de morceaux de violon, de mandoline et de piano par les artistes, hommes et dames, les plus goûtés de Louvain. Dès le début de la fête, Mr Rasquin chanta l'Espero que l'auditoire écouta avec la plus grande attention. Le président, Mr van Dieren, rappela le passé du groupe louvaniste, félicita les fondateurs du Club et présenta aux assistants le conférencier Mr L. Blanjean et Mr Jamin qui arrivaient tous deux de Bruxelles pour la fête de ce soir. Ensuite Mr Blanjean donna une conférence fort intéressante. Le dévoué orateur fit l'histoire de la marche de l'Esperanto par le monde. Il montra à quel point et dans quels pays la langue est déjà répandue. Il prouva aussi sa facilité et son utilité et lut diverses lettres et cartes postales en Esperanto. Des applaudissements enthousiastes éclatèrent lorsque, après la conférence, Mr l'avocat van Dieren, président du groupe, remercia et complimenta le conférencier.

Après le départ de nos partisans bruxellois, Mr Naekaerts, au nom de ses collègues du comité, en présentant des gerbes

*taal Esperanto willen bewijzen, en zij hebben hunne pogingen met bijval bekroond gezien.*

*Herinneren wij, om te eindigen, dat zij voor de maand Oktober aanstaande eenen leergang in de Fransche eenen in de Vlaamsche taal inrichten voor de heeren, eenen leergang voor de damen en eenen leergang van volmaking. In 't kort zullen plakschriften, door gansch de stad aangeplakt, de dagen en de uren aanmeldende, waarop deze leergangen zullen gegeven worden, alsook de lokalen die daartoe zullen gebruikt worden. Wij verzenden er onze lezers naartoe, en wenschen hertelijk geluk aan de verkleefde inrichters der Antwerpsche tentoonstelling, hun een grooten bijval wenschende gedurende het nieuwe propagandatijdstip, dat zij welhaast zullen beginnen.* *Antwerpen, den 23 Oogst 1903.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Schoon Esperantisch Feest te Leuven.

*Donderdag 27en Oogst, vierde de E. L. G. door een groot Concerto in haar lokaal, bierhuis « Monico », de sluiting der leergangen van Esperanto, te Leuven gegeven. Eene talrijke menigte vervulde de zeer wel versierde zaal. Alle de leerlingen, jongelingen en jonge dochters, van de eerzaamste familiën van de stad waren tegenwoordig, vergezeld van hunne familie. De spelwijzer bevatte Vlaamsche en Fransche gezangen, alleenspraken en liedjes, benevens viool- mandoline- en pianostukken door de meest geliefde kunstenaars, heeren en damen, van Leuven. Van af het begin van het feest, zong M. Rasquin l'Espero, welke de toehoorders met de grootste aandacht aanhoorden. De Voorzitter, M. Van Dieren, herinnerde het verleden der Leuvensche groep, wenschte de stichters van den kring geluk en stelde aan de toehoorders den voordrachtgever M L. Blanjean alsook M. Jamin voor, die beiden van Brussel kwamen voor het feest van dezen avond. Vervolgens gaf M. Blanjean eene zeer belangrijke voordracht. De verkleefde redenaar deed de geschiedenis van den gang van het Esperanto door de wereld, uiteen. Hij toonde tot hoeverre en in welke landen de taal reeds verspreid is. Hij bewees ook haar gemak en haar nut en las verscheidene brieven en postkaarten in Esperanto. Uitbundige toejuichingen barstten los, wanneer, na de voordracht, M. de Advokaat van Dieren, voorzitter van de groep, den voordrachtgever bedankte en geluk wenschte.*

*Na het vertrek van onze Brusselsche aanhangers, sprak M. Naekaerts, in naam van zijne medebroeders van het comiteit, in*

faris al la esperanta afero. S° Mathys dankis per la tri suprediritaj lingvoj kaj promesis daŭrigi sian kunlaboradon por atingi la idealan ĉielon de l'Esperanto. Siaflanke S° Blaise diris esperante ke li estos ĉiam kaj ĉie nelacebla propagandisto de tiu bela kaj por li tre kara lingvo internacia. Tiam unu lernantino de la fraŭlina kurso donacis al S° Prezidanto van Dieren kaj al S° profesoro Mathys florgarbojn je la nomo de la sinjorinoj kiuj lernis Esperanton. La prezidanto elparolis kelkajn tre korajn dankvortojn kaj la tuta ĉeestantoj aplaŭdis plej entuziasme la honoritojn. Ĉiuj reiris hejmen kontentaj pri la bela esperantista festo en kiu ili ĉeestis.

## Rimarko pri principo.

Kiam ni decidis kune kun niaj Belgaj samideanoj la fondiĝon de nia revueto esperantista, ni konsentis pri tio ke ni sekvus ĉiam la principojn starigitajn de nia kara majstro, Doktoro Zamenhof. Ni akceptis do en ĝia tuteco la lingvon tiel, kiel la aŭtoro elpensis ĝin.

Se iafoje oni renkontus, en niaj artikoloj, formojn ne respondantajn al la reguloj uzitaj de niaj ĉefaj antaŭuloj en la ĝis nun trairita vojo oni konsideru ilin kiel nevolaj eraroj. Sisteme, ni respektas plene la lingvon kies nomo estas konata hodiaŭ en la tuta mondo.

Bedaŭrinde ni rimarkis kelkafoje ke tre malgranda nombro da esperantistoj ne agas ĉiam tielmaniere. Ili pretendas ke la elpensaĵo de Doktoro Zamenhof ne estas perfekta kaj, bone intencitaj, ni tion kredas, ili enkondukas ŝanĝojn. Vere, la glora elpensinto proklamis neniam la perfektecon de sia verko; neniu el liaj kunlaborantoj eldiris saman opinion. Cetere ni ne forgesu tion: ĉiu homa produktaĵo estas perfektebla, sed plibonigi ĝin ne estas ĉiam facile.

Esperanto estas monumento, vera tutaĵo kies partoj dependas unuj de la aliaj; faligi ŝtonon ian, oni ne povas senriske, ĉar tio, kio ŝajnas parta plibonigo, malkovriĝas ofte kiel malbonaĵo post iom da praktiko. Nia klera samideano, S^ro^ Cart, skribas tre rajte en la antaŭparolo de sia vortareto Franca-esperanta : « La lingvo elpensita de Doktoro Zamenhof *vivadas* : nur tre prudente oni povas fari ŝanĝojn aŭ plibone estas prefere ĝin neniel ŝanĝi nun ».

Ni tre volonte akceptas tiujn saĝajn konsilojn ; tial ni protestas pri strangaĵoj legitaj antaŭ nelonge en revueto esperantista. Ni legis tiujn vortojn :

*Proponitas* por *proponitaj estas*,
*Kreatis* » *kreata estis*.

Ĝis nun ni vidis neniam tian vortfaradon. Cetere kio fariĝus Esperanto, se ĉiu partiano laŭirus saman vojon ? Ĉu do ekzistas samideanoj dezirantaj ke nia kara internacia lingvo estu tiel malfacila kiel la naturaj ? Ni estu singardemaj ! Laŭ nia humila opinio, la momento ne estas por la ŝanĝoj. En dekkvin jaroj, Esperanto faris grandegajn paŝojn kaj la akiritaj rezultatoj pruvas ke tiu lingvo taŭgas tute por sia celo : ni do uzu ĝin en ĝia nuna formo. Sufiĉe da malhelpaĵoj estas jam dissemitaj sur nia vojo ; ni do kunigu niajn klopodojn !

LUCIEN BLANJEAN.

## Avizoj diversaj.

La Esperanta kurso organizota de la Esperantista Sekcio de la Poliglota Klubo en Bruselo, rekomenciĝos la lundon 12^an^ de Oktobro je la oka horo vespere, « Hôtel Ravenstein » ĉambro n° 8 kaj daŭriĝos ĉian lundon. Profesoro : S^ro^ L. Blanjean. Tiu kurso estas senpaga, sed oni devas enskribiĝi ĉe la sekretariejo persone aŭ skribe.

---

à MM^r^ P. Blaise et Eug. Mathys, fit en flamand, en français et en Esperanto l'éloge de ces professeurs pour les services nombreux qu'ils rendirent à la cause espérantiste.

M^r^ Mathys remercia dans les trois langues et promit de continuer sa collaboration pour atteindre le ciel idéal de l'Esperanto. De son côté M^r^ Blaise déclara, en Esperanto, qu'il sera toujours et partout un inlassable propagateur de cette belle langue internationale qui lui est si chère. Alors, une élève du cours de jeunes filles offrit au président van Dieren et au professeur Mathys des gerbes de fleurs au nom des dames qui apprirent l'Esperanto. Le président ajouta quelques paroles très cordiales de remercîments et l'auditoire tout entier applaudit avec enthousiasme les héros de la fête.

Chacun retourna chez soi, satisfait de la belle fête espérantiste à laquelle il avait assisté.

### Avis divers.

Le cours d'Esperanto organisé par la section Espérantiste du Cercle polyglotte de Bruxelles, recommencera le lundi, 12 octobre, à 8 heures du soir, à l'Hôtel Ravenstein, salle n° 8 et se continuera tous les lundis. Professeur : M. Blanjean. Ce cours est gratuit, mais on doit se faire inscrire au secrétariat personnellement ou par écrit. Le cours ne comprendra que dix

*'t Vlaamsch, Fransch en in 't Esperanto den lof van de leeraars MM. P. Blaise en Eug. Mathys voor de talrijke diensten, welke zij aan de Esperantische zaak bewezen, en bood hen bloemtuilen aan.*

*M. Mathys bedankte in de drie talen en beloofde voorts zijne medewerking te verleenen, om den idealen hemel van het Esperanto te bereiken. Van zijnen kant verklaarde M. Blaise, in Esperanto, dat hij altijd en overal een onvermoeibare verspreider zal zijn van de schoone wederlandsche taal, die hem zoo duurbaar is. Dan kwam eene leerlinge van den leergang voor jonge dochters en gaf aan den voorzitter Van Dieren en aan leeraar Mathys bloemtuilen in naam der damen die het Esperanto leerden. De voorzitter voegde er eenige woorden van dank bij, en gansch de zaal juichte uitbundig de helden van het feest toe.*

*Elkeen keerde naar huis, voldaan over het schoone Esperantische feest, dat hij bijgewoond had.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Verscheidene berichten.

*De leergang van Esperanto, ingericht door de Esperantische afdeeling van den Taalkring van Brussel, zal op Maandag 12 Oktober, om 8 ure 's avonds herbeginnen in het Hotel Ravenstein, zaal n^r^ 8, en zal alle Maandagen voortgezet worden. Leeraar: M. Blanjean. Deze leergang is kosteloos, maar men moet zich persoonlijk of bij schrift, bij het sekretariaat laten inschrijven. De*

La kurso kalkulos nur dek lecionojn. La Esperantista Sekcio kunvenos la lundon 12$^{an}$ de Oktobro je la naŭa horo ; la sekvantajn lundojn, supra kurso je la sama horo.

Esperantan kurson la « Fédération Post-Scolaire » en S$^{t}$ Gilles (Bruselo) organizos ĉian merkredon je la oka horo. Sidejo : rue du Fort n$^{o}$ 80, S$^{t}$ Gilles (Bruselo). Profesoro : S$^{ro}$ L. Christiaens. Tiu kurso estas senpaga por la membroj de la Federacio.

***

La Antverpena Grupo Esperantista organizos la jenajn kursojn :

Franca kurso por viroj, ĉiusabate, je la 9$^{a}$ horo en la kunvenejo de la grupo, 39, place Verte, profesoro S$^{ro}$ Dupont.

Flandra kurso por viroj, ĉiuvendrede, je la 9$^{a}$ horo, en sama kunvenejo, profesoro S$^{ro}$ O. Van Schoor. Supra kurso, ĉiumarde, je la 9$^{a}$ horo, en sama kunvenejo, profesoro S$^{ro}$ L. Jamin.

Virina kurso (France) profesoro D$^{ro}$ Leclercq. La tago kaj la lernejo por tiu kurso ne estas, ĝis nun, deciditaj. Kredeble, ĝi okazos ĉiumerkrede je la 5$^{a}$ horo.

Tiuj kursoj komenciĝos ĉirkaŭ la mez-Oktobro.

La kondiĉojn oni ricevos de la sekretario de la grupo, place Verte 39, (Taverne Royale), Antverpeno.

***

La Esperantista Lovena Grupo organizos ankaŭ Flandrajn kaj Francajn kursojn, por viroj kaj virinoj. Pri la kondiĉoj de la grupo kaj de tiuj kursoj, sin turni al S$^{ro}$ R. Dekeyser, 89, strato de Namuro, en Loveno. Korespondojn iajn oni sendos rekte al S$^{ro}$ Dekeyser kiu, de nun, estas sola sekretario de tiu grupo.

***

De Kongolando, ni ricevis bonajn novaĵojn de la Komandanto Charles Lemaire, datitajn de la 15$^{a}$ de Junio. La Komandanto estis en « Yè-Yi » (elparolu jeji), fartis bonege kaj ĝis tiu tago, difinis 75 astronomiajn lokojn kaj, sur landkarto, detale starigis 1625 kilometrojn de sia vojirado

Kvankam nia kara propagandanto laboras tiel malproksime de nia lando, li ne forgesas Esperanton kaj en la festa kunveno de Loveno, S$^{ro}$ L. Blanjean montris kaj legis poŝtkarton de li, Esperante skribitan.

---

leçons. La section Espérantiste se réunira le lundi 12 octobre à 9 heures ; les lundis suivants, cours supérieur à la même heure.

La Fédération Post-Scolaire de S$^{t}$-Gilles (Bruxelles) organisera un cours d'Esperanto tous les mercredis à 8 heures. Local : Rue du Fort, n$^{o}$ 80, à S$^{t}$-Gilles (Bruxelles) ; professeur, M. L. Christiaens. Ce cours est gratuit pour les membres de la Fédération.

***

Le Groupe Espérantiste Anversois organisera les cours suivants : cours français pour hommes, le samedi à 9 heures dans la salle de réunion du groupe, 39 place Verte, professeur M. Dupont.

Cours flamand pour hommes, le vendredi à 9 heures, dans la même salle, professeur M. O. Van Schoor.

Cours supérieur, le mardi à 9 heures, dans la même salle, professeur M. L. Jamin.

Cours de dames (en français), professeur D$^{r}$ Leclercq.

Le jour et le local pour ce cours ne sont pas, jusqu'à présent, décidés. Il aura probablement lieu le mercredi à 5 heures.

Ces cours commencent vers la mi-octobre.

On recevra les conditions du secrétaire du groupe, place Verte, 39 (Taverne Royale), à Anvers.

***

Le groupe Espérantiste Louvaniste organisera aussi des cours flamands et français, pour hommes et pour dames. Pour les conditions du groupe et de ces cours, s'adresser à M. R. Dekeyser, 89, rue de Namur, à Louvain. Toutes les correspondances quelconques doivent être adressées à M. Dekeyser qui, à partir de maintenant, est le seul secrétaire de ce groupe.

***

Du Congo, nous avons reçu de bonnes nouvelles du commandant Charles Lemaire, datées du 15 juin. Le commandant était à Yè-Yi, se portait parfaitement et jusqu'à ce jour, avait fixé 75 stations astronomiques et reporté sur la carte, 1625 kilomètres de sa route. Quoique notre cher propagateur travaille si loin de notre pays, il n'oublie pas l'Esperanto et lors de la fête de Louvain, M. L. Blanjean a montré et lu une carte postale de lui, écrite en Esperanto.

*leergang zal slechts tien lessen bevatten. De Esperantische afdeeling zal Maandag, 12 Oktober, om 9 ure vergaderen ; de volgende Maandagen, hoogere leergang op hetzelfde uur. De « Fédération Post-Scolaire van St. Gillis (Brussel) zal eenen leergang van Esperanto inrichten, alle Woensdagen, ten 8 ure. Lokaal : Fortstraat, n$^{r}$ 80, te St. Gillis (Brussel), leeraar M. L. Christiaens. Deze leergang is kosteloos voor de leden der Vereeniging.*

***

*De Antwerpsche Esperantische kring zal de volgende leergangen inrichten : Fransche leergang voor heeren, den Zaterdag, om 9 ure in de vergaderingszaal van den kring, 39, Groenplaats ; leeraar M. Dupont.*

*Vlaamsche leergang voor heeren, den Vrijdag om 9 ure, in de zelfde zaal ; leeraar M. O. Van Schoor.*

*Hoogere leergang, den Dinsdag om 9 ure, in dezelfde zaal, leeraar M. L. Jamin.*

*Leergang voor damen (in 't Fransch), leeraar D$^{r}$ Leclercq.*

*De dag en het lokaal voor dezen leergang zijn, tot nu toe, nog niet vastgesteld. Waarschijnlijk zal zij plaats hebben den Woensdag om 5 ure.*

*Deze leergangen zullen beginnen omstreeks half-Oktober.*

*Men zal de voorwaarden ontvangen van den schrijver der groep, Groenplaats, 39 (Taverne Royale), te Antwerpen.*

***

*De Leuvensche Esperantische groep zal ook Vlaamsche en Fransche leergangen inrichten voor heeren en voor damen. Voor de voorwaarden van de groep en van de leergangen, zich te wenden tot M. R. Dekeyser, 89, Namensche straat, te Leuven. Alle welkdanige briefwisselingen moeten gezonden worden aan M. Dekeyser, die, van dit oogenblik af, de eenige schrijver dezer groep is.*

***

*Uit Congoland hebben wij goed nieuws ontvangen van den Kommandant Charles Lemaire, gedagteekend van 15$^{en}$ Juni. De bevelhebber was te Yé-Yi, in zeer goeden staat en tot dien dag had hij 75 sterrekundige standplaatsen gezocht en 1625 kilometer weg op zijne kaart aangeteekend. Niettegenstaande onze lieve verspreider zoo verre van land werkt, vergeet hij het Esperanto niet, en op het feest van Leuven, heeft M. Blanjean eene postkaart van hem getoond en gelezen, geschreven in het Esperanto.*

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C^ie^ *et chez* SPINEUX & C^ie^ *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT. Prix 2.50 (port en plus.)

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.75 fr.) verzendingskosten daarboven.

Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces à des prix très réduits dont on trouvera le tableau ci-dessous.

Ces annonces devront satisfaire aux conditions suivantes :

1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;

2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,

3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1/16 | de page | annuellement | fr. | 8.00 |
| 1/8 | » | » | » | » | 15.00 |
| 1/4 | » | » | » | » | 28.00 |
| 1/2 | » | » | » | » | 50.00 |

*De* « BELGA SONORILO » *aanveerdt aankondigingen aan zeer matige prijzen, van welke men hieronder de tabel vindt.*

*Die aankondigingen moeten aan de volgende voorwaarden voldoen :*

*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*

*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*

*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *1/16* | *bladz.* | *jaarlijks* | *fr.* | *8.00* |
| *1/8* | » | » | » | *15.00* |
| *1/4* | » | » | » | *28.00* |
| *1/2* | » | » | » | *50.00* |


## S° Pierre Nicot de Villemain

8, Avenue Masséna, NICE.

Deziras korespondadi Esperante pri la insignoj kaj la heraldika arto en ĉiuj landoj.
Interŝanĝas ankaŭ poŝtkartojn ilustritajn sed nur pri la militistaro kaj la milita maristaro de ĉiuj landoj.

## Le Cartophile Illustré

MONATA BULTENO DE LA ILUSTRITA POŜTKARTO

ABONPAGOJ : Franclando. 3,50 frankoj jare. -- Alilandoj. 4.00 frankoj jare.

« **Le Cartophile illustré** » enhavas de 16 ĝis 32 paĝojn ; ĝi estas la plej dokumenta kaj la plej bone informita el la tiaj jurnaloj. Oni sendos provan numeron al tiuj legantoj niaj, kiuj petos ĝin rekte al la Administracio.

7, Rue de Lille, PARIS.

## *Esperantistoj !*

Ni rekomendas la novan esperantan signeton por butontruo. Tiu eleganta steleto verda kostas nur 0.75 frankon ; pagante per Belgaj poŝtsignoj, oni devos sendi po 1,00 franko.

*Sin turni al Sinjoro EMILE F. GASSE*

71, Rue Michelet, LE HAVRE (Franclando).

## LA REVUE POLYGLOTTE

REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro S° F. HERMANN*

25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).

## The Cosmopolitan Correspondence Club

— *INTERNACIA ORGANISMO* —

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

## Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro^ J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando).
Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

## LA PERILO DE LA GAZETISTARO.

**(L'INTERMÉDIAIRE DE LA PRESSE).**

**15, rue Ste Gudule, BRUXELLES.**

Legas, tradukas, detranĉas ĉiujn ĵurnalojn gazetojn kaj revuojn de la tuta mondo kaj sendas, el ili, ekstraktojn pri ĉiuj objektoj.

Ĉiu kiu deziras interesadiĝi je ia demando, abonas « l'Intermédiaire de la Presse. »

Prezarojn pri abonoj oni sendas laŭ demando.

Oni korespondas en Esperanto.

---

## POŜTAJ KARTOJ

kun desegna titolo de la « *BELGA SONORILO* » riceveblaj de So A.-J. Witteryck en Bruges.

**Prezo de la cento : 1,25 franko.**

---

# SPINEUX & CIE

— FREMDA LIBREJO —

FONDITA EN 1833

## 62, Montagne de la Cour

## BRUSELO.

Telefono 3688 — Telefono 3688

## Libroj eldonitaj de HACHETTE & CIE

Vendas ĉiujn esperantistajn librojn kaj, ĝenerale, ĉiujn librojn verkitajn en ia lingvo.

KORESPONDANTOJ EN ĈIUJ ALIAJ LANDOJ.

**ONI KORESPONDAS ESPERANTE.**

---

Ĉiuj verkoj kiuj eliras el la presejo de nia

**" *Belga Sonorilo* "**

estas presitaj kun la plej akurata zorgo kaj rapideco. Se vi deziras presigi verkojn, petu pri la prezoj kaj modeloj.

---

KOMERCEJO

# JULES BONTE

Rue des Bouchers, 55

BRUGES.



Tuta aranĝigo de presejoj. — Fabrikado de maŝinoj por presi. — Ĉiuj iaj specoj da literoj kaj duailoj. — Broĉiloj per nikelfadeno, altranĉiloj, premiloj por atlasigi, numerigiloj, inkoj, kliŝaĵoj, k. t. p.

**Post peto, oni sendas, senpage, modelojn kaj prezarojn.**

---

# KELKAJ FLOROJ ESPERANTAJ.

Ilustrita Legolibro

de A.-J. WITTERYCK.

| | | |
|---|---|---|
| **Prezoj por unu numero** | En Belgujo : franko : 0,20 | |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 0,25 | |
| **Prezoj por kvin numeroj** | En Belgujo : franko : 0,75 | |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 1,00. | |

*Sin turni al* A.-J. WITTERYCK, BRUĜO.

---

# « La Belga Sonorilo »

UNUA JARKOLEKTO.

PREZO : Belgujo : 2,50 frankoj.
Alilandoj : 3,00 frankoj.

**Sin turni al Sro M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir,**

COURTRAI.

---

# " *Universala gluo* "

ESTAS LA PLEJ BONE.

Tenejo por Eŭropo ĉe So Witteryck-Delplace, Bruĝo (Belgujo). Oni akceptus agenton en ĉia lando.